II Jaro. XX Num. 1918 Aŭgusto.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. FRANCISCO PIÑOL

DELEGITO DE U. E. A. KAJ ZAMENHOFA FEDERACIO EN BARCELONA

# Poemo de Muley Hafid

*(Daŭrigo)*

Ni estis kvazaŭ du kaŝitaj sekretoj en la internaĵo de la mallumecoj, kie ni nin kaŝis, ĝis kiam la lango de la tagiĝo minacis denunci nin.

—

Kia miro, se mi estas konfuzita de la rememoro je tiuj dolĉaj horoj, kaj se mia pacienco forkuras el mi, kiam mia spirito malpermesas al mi lasi ĝin elkuri?

—

Paragrafo post paragrafo, kiam ni disiĝis, mi legis la libron de la *Malĝojo*, kaj voĉo paroletis al mi: Paciencon!

—

Sed poste mi ne trovis rivereton saman, kia estis ŝia amo, kaj, tamen, kiam alitempe, mi trinkis el ĝi, ju pli mi trinkis, des pli mi soifis.

—

Certe ne estas pro malamo aŭ malestimo, ke mi ne admiras jam tiun horizonton de Beleco, kies Suno ŝi estis. Jam eĉ malĝojigas min la kanto de miaj kantistoj. La dancoj de miaj samtempe dancistinoj kaj kantistinoj, kiuj elpensas momente siajn kantojn, sur la delikataj tapiŝoj, estas malpli graciaj, ol estis ŝiaj piedoj nudaj sur la sablo de la dezerto. La diaj versoj de *Ibn El Fared* (1) agordigitaj kun liuto estas malpli belaj, ol tiuj sovaĝaj kantoj, kiujn ŝi agordigis kun la *gembri'* (2). Tiam mia ĉevalo ne portis orajn ornamaĵojn, nek riĉaj kaj delikataj lantukoj kovris mian korpon, kaj la juveletoj, kiuj ornamis ŝin estis kupraj, maldelikataj kaj vitraj. Sed la ambro de ŝia haŭto estis por ŝi kvazaŭ silka robo.

—

Nenia muziko povas forpeli mian amon, nenia muziko povas atingi, ke mi forgesu la melodion de ŝia buŝo.

—

Ĉiu virina vizaĝo estas nun por mi blanka paĝo. La ritma paŝado de la virgulinoj ne eltiras el mia koro ian simpation.

—

La luno mem, malsuprenirante el siaj nekonataj altaĵoj, ne povus enamigi min.

—

La tuta vivo sen ŝi estas nokto por mi, nokto sen steloj, malhela abismo. Ĉiu vesto estas por mi mortkitelo.

—

Kien vivo kondukis mian bonamatinon? Kiaj novaj ventoj skuos la malordon de ŝia hararo? Eĉ la nokto, kiu ĉirkaŭas min, estas malpli nigra, ol la ebono de ŝia hararo. Kiaj akvoj pli bonsortaj, ol tiuj de la *Kansar'* (rivero de la paradizo), reflektas ŝian mirindan vizaĝon?

—

Mi malbenas ĉiujn amojn de mia haremo. Mi ne volas pensi, ke aliaj brakoj ĉirkaŭpremos ŝian talion obeeman kvazaŭ branĉeto de saliko; ke aliaj lipoj sorbos ŝiajn lipojn. Miaj brakoj furioziĝas, ne estante flugiloj, kaj la alosuko malsekigas miajn lipojn.

—

Ne, mi volas pensi pri ŝia fideleco. Donu al mi ŝian fidelecon, tial ke ŝi ne povas doni al mi ŝian ĉeeston, kaj ŝia sola bildo sufiĉos al mi.

—

La beno de Dio akompanu ŝin dum amsentoj nutras min, ĉi tiuj amsentoj, kiujn mi kaŝas, sed kiuj baldaŭ kaŝos min eterne!

—

La beno de Dio falu sur la rememorojn de l'tagoj de mia juneco!

—

---

(1) *Omar Ibn El-Fared*, la plej granda araba kaj mistika poeto, naskiĝis en la jaro 1181, en urbo Kairo, kaj mortis en la sama urbo en la jaro 1235, post la reveno de iom longa restado en Meko. *Alí*, lia nepo, kolektis kaj ordigis lian verkaron.

(2) Unu el la plej antikvaj kordinstrumentoj de la araba muziko. Multe pli malgranda ol liuto, maldelikate konstruita, kiu nur havas tri kordojn, kaj kies gamo estas tre malvasta.

Miaj grizaj haroj, mia maljuneco kaj mia malforteco, miaj larmoj! Ho, atestantoj de mia amo!

—

Sed kvankam mi min trovas en la aŭtuno, mi ne volas malbeni la printempon.

—

Oni diras: «—Timu ĉiam la Amon; la Amo ne estas facila aĵo. Nenia sciulo laŭdegis ĝin».

—

«Vivu malproksime de l'Amo; ĝia pokalo estas plena je maldolĉaĵoj.»

—

—«La Amo estas nur doloro; nur kiam ĝi mortas, la volupto naskiĝas...»

—

Sed la amo estas aĵo sankta por mia konvinkiĝo.

—

Pro ĝi mi ĝuas duan vivon: la vivon de l'amantino.

—

Kaj ĉar mi estas fervorema de l'Amo, mi vin konsilas, ke vi ne faru tion, kion mi faras; ne aŭskultu tion, kion mi diros.

—

Ne aŭskultu tion, kion mi diros:
«Por vivi kaj morti feliĉaj, vivu kaj mortu pro Amo; vivu kaj mortu martire. Kiu ne mortas pro Amo, iam amis; la abelo, se ĝi ne suĉetus la florojn, ne estus povonta produkti iam la mielon.»

—

Ne aŭskultu tion, kion mi diros:
«Amu la Amon; ne hontu pri tio. Malestimu la moralistojn, kiuj mokas ĝin.»

—

«Diru al tiuj, ke la Amo venkis. Vi plenumis vian devon».

—

«Al tiu, kiu pretendas esti aminta kaj venkinta la Amon, diru: la *kohl'* (pentrita ombro de l'okuloj) ne estas egalaj je la naturaj subokulaj violkoloroj.»

—

Multaj viroj provis ami, poste ili forlasis la amon, kredante ke ili povis pruvi tiel la malon de tio, kion mi diris. Ili ne atingis ĝin. Tiuj konfuzis siajn vantajn provojn kaj la veran amcelon. Ili fanfaronas esti krozintaj la maron de l'Amo. Sed kial en tiu ĉi okazo ili ne estis akvumitaj?

*(Daŭrigota)*

# EN SEVILLA

SEGIDILJOJ (1)

Mi vidis vin; vi dancis
en la Foiro.
El mia kor' eliris
dolĉa sopiro.
Kia korpeto!
Vivu mia gracia
brunulineto!

Kvazaŭ inter nubegoj
varma sun' hela,
brilas en la mantillo
la vizaĝ' bela.
Kun gaja krio
vi dancas kiel flugas
la papilio.

Via rava beleco
kaj simpatio
igas min ja kaptito
de l' Amo Dio
per forta reto.
Vivu mia gracia
brunulineto!

*Rafael de San Millán*

1 Kanto kaj danco el tiuj de Andaluzio.

Kredu nenion kontraŭa je prudento, sed malakceptu nenion, kvankam ĝi ŝajnu tre malprudenta, antaŭekzamenite ĝin bone.

*Franz Harttman*

(El *Blanka kaj Nigra Magio.*)

# FOLIOJ KAJ AMOJ

La folio falas kaj falante ŝajnas ke ĝi ekkrias veon de malgaja plendo, de rememoro velkita, de malsukcesinta amo.

Ĝi falas tre milde, kaj vestante la teron per flava mortotuko, tiel flava kiel estas vaksokandelego, ĝi agonias.

Restsignetojn de la pasinteco; esperojn, frakasitaj; amojn..., trompitaj, diras al vi alegorio de falintaj folioj.

Sub la verdnigra arkaĵo, kiun hieraŭ la folioj teksis, oni aŭdis bruetadon de kisoj, trilojn de birdoj, rimon de arbaro.

Hodiaŭ, kvazaŭ en kinematografo, ŝanĝiĝis la sceno, kaj en ĝardenoj, en aleoj, en arbaroj, nur estas silento, tiu de tombejo, de soleco, de malgajeco: flava mortotuko vestas la teron!

La ventego forpuŝas la foliojn murmurantajn funebran kanton de morto.

Tiel la uragano de la forgeso fortrenis amojn kiuj naskiĝis mildaj kaj ĉastaj, kiel estas unua kiso de edzino; amoj, kiuj velkis pro nekonstanteco de koro.

La arboj, vunditaj de la doloro, ploras pro sia fatala sorto: la folioj faladas.

Folioj kaj malsukcesintaj amoj havas intiman malgajecon.

*J. M. R.*

---

# ĈU VI RIDETAS...?

Ĉu vi ridetas...? mi nepre devas demandi vin ekskribante tiun ĉi artikolon, ĉar preskaŭ ĉiuj legante aŭ aŭdante iom pri tio, kion mi al vi prezentos, ridetas, kelkafoje la ridetoj aspektas bonkoraj pro kompato al klariganto; aliaj estas iom rikanaj, ĉar konsideras la parolanton aŭ skribanton malsaĝa, kaj ia foje eĉ per la fingro sur siaj fruntoj balancante iom la kapon montras nin frenezuloj; aliaj signifas nekredemon, indiferentecon, kaj en kelkaj okazoj eĉ oni konsilus malliberigi la propagandiston kiel danĝeran personon.

Kaj ni ĉiam vidas tian malestimon aŭ kompaton por ni.

Tio ĉi tre kolerigus nin, se ni ne aŭdus kaj vidus stoike la mokojn de la homoj, kaj trankvile daŭrigas la propagandon de nia idealo konvinkante kelkajn skeptikulojn pri la utileco de nia afero, afero racia, bonega kaj humana kiel devas esti ĉiuj idealoj de la homoj, se ni vivus vivon pli homaman, se la egoismo ne ŝtonigus nian koron, se ni ne vidus malamikon ĉe alia homo, se ni ne konsiderus babilantoj malsaĝaj tiujn kiuj ne pensas same kiel ni; se ni atentus pli kaj meditus senpartie tion, kion ili diras, frukto multaj fojoj de konscia esploro, de sperto aliaj, de konvinko en kelkaj okazoj, de humaneco ofte.

Ni estos pli bonaj kiam ni kore parolos kaj agos post profunda pripensado, kiam detale al ni klarigos aferojn, kies ekziston ĝis tiam ni ne sciis, kiuj prezentiĝos al nia menso kiel mistero, kiel miraklo, ne povante nia cerbo kompreni la naturon de tio, kio nin mirigas; ni estas mallaboremaj pense, ni preferas rideti kian iu alparolas nin por propagandi novan ideon, ni mokas lin kaj eĉ lin konsilas forlasi lian idealon ĉar la homoj lin insultos kaj signos per la fingro kiam preterpasos nin. Ho! kaj ni volas, ni pretendas esti la plej spritaj, saĝaj kaj prudentaj homoj, ĉar ni volas sekvi tiel, kiel ni trovis la aferojn kiam ni venis en mondon.

Al ni la historio diras nenion, ni lernis legi, ni legadis kaj legadas sed sperton ne akiradas; ni lernis skribi, ni skribis, ni verkas, sed ne por defendi racie aŭ refuti konscie tion kaj tion ĉi, ni nur verkas spritaĵojn se facile scias transporti ilin sur la paperon por ridindigi la apostolon de tio, kies esenco estas elĉerpita el la naturo men.

Ni miras nuntempe kiam scias ke niaj antaŭuloj neis tion, kion ni tiel bone vidas funkcii, ni ne komprenas kial la saĝulojn mokis aliaj saĝuloj kiam tiuj eltrovis aŭ elpensis ion, ni neniel kvankam rompus al ni la kapon trovus klarigon je tia mokado kaj suferado, kiujn devis elporti tiuj personoj,



DETALAĴO DE LA SALONO DE «EMBAJADORES»

ALCAZAR.—SEVILLA

kies amo por la disvastigo dela scienco konigis al la mondo aferon, pri kiu neniu sciis la ekziston ĝis tiu tago kiam tiu homo post persista laborado super la libroj aŭ tenante instrumentojn trovis tion, kion ni hodiaŭ uzas tiel kontente kaj oportune.

Nuntempe ni preskaŭ povas kredi ke sciencaj institucioj neis la ekziston de lando ĉe okcidento kiam la senmorta Kolumbo proponis kaj klarigis al ili la vojon por iri Amerikon, krom la neado tiu viro devis suferi mokojn kaj malestimon; la nobelaro, kiu havis eblecon esti klera, rikanis eltrovi nekonatan parton de la mondo, kaj la popolo, kiu tiam vivadis en la plej akcentata nescio mokadis kaj eĉ insultis la mariston Kolumbo.

Eminentaj kaj intelektaj personoj verkis artikolojn kaj paroladis neante la potencon de la lokomotivo trenanta vagonaron. La gaso lumadis jam en kelkaj nacioj, kaj en aliaj ankoraŭ saĝuloj, paroladis neante la gaslumon... k. t. p.

Nomi detale ĉiujn aferojn, kiuj ridigis la homojn estus nefinebla afero, kaj eĉ multaj el vi dubus certe je miaj citaĵoj ĉar kredas ilin malveraj, sed mi finos miajn menciojn raportante fakton, kiun ni ofte aŭdis.

Kiam sinjoro Peral elpensis sian ŝipon krozanta la maron sub la supraĵo de la akvo, neniu atentis pri li nek pri lia elpenso, kaj post propagando de la amikoj liaj fine restis li kaj la elpensaĵo forgesitaj, kaj nuntempe ĉiuj plendas ke homojn, emaj elpensi aŭ eltrovi ion, oni ne protektas, kaj ni, dum la plendado, nek unu momento pripensas ke ankaŭ ni estas kulpaj je tio, ĉar se ni anstataŭ indiferente rigardi proponitajn aferojn, ni studus ilin kaj helpus se ni trovus ilin bonaj, tiuj laboroj de tiu homo, kiu dediĉis sin plene al scienco, ne restus forgesitaj.

Ĉu vi ridetas... gesamideanoj estimataj legante tion, kion mi diras?, jes, vi ankaŭ ridetas, ofte mi vidis ridetojn tiaspecajn sur viaj lipoj; al vi la historio ne donis sperton, vi vidis ankaŭ ridetojn ĉe la buŝo de amikoj, kiujn vi intencis varbi por nia karega lingvo internacia Esperanto, kaj tiuj ridetoj ne rememorigis al vi ke iam ankaŭ ridetis, kiam siajn ideojn proponis al aliaj la adeptoj de ia nova sistemo.

Mi kore bedaŭras ke eĉ vi, karaj geamikoj, kondutu egale kiel la ĉion neantoj, vi diras la samon kiel diras la neesperantistoj sed per malsamaj vortoj: la kontraŭuloj de Esperanto diras ke ĝi taŭgas por nenio utila, ke vi perdas la tempon lernante ĝin, do ne estas eble unu la alian sin kompreni parole, skribe nur povas komunikiĝi kun alilanduloj, kaj iafoje eĉ tion ĉi neas; vi, aŭdante tiajn sensencaĵojn indigniĝas ĉar vidas ke ili ne konante Esperanton, ĝin kritikas kaj kondamnas al forgeso, kaj vi, ne rememoras pri ĉi tio, kiam iu parolas al vi pri nova afero. Vi respondas al li per malkuraĝigoj se vi konsideras la aferon danĝera konsilas lin forlasi tion, ĉar karceron li eniros; se vi kredas ke ĝi estas malutila por la korpo, vi diras al li ke li mortos malsate, ke li malfortiĝos, ke malsaniĝos, ke tiu amiko mia ĝin forlasis, ke tiu ĉi sekvas ĝin sed vane ĉar li eltiros nenian profiton k. t. p.; esenco la sama, la vortoj malsamaj, tio estas, nei aferon nekonatan de vi.

Ĉiam la rutino, ŝajnas kvazaŭ la homoj havus ĝin enradikigitan ĉe korpo, kaj povas la propagandemulo esti danka se ne suferas pli grandan malutilon el sia propagando, tial ke en certaj okazoj eĉ denuncas lin, kiel danĝerulon; vi jam scias ke la patro de nia Majstro bruligis liajn dokumentojn pri lingvo Esperanto, konsilita de siaj amikoj, kiuj lin konvinkis ke lia filo pereos en tiu entrepreno, kaj sekve ne atingos la kuracistan karieron post tiu senfrukta laborado; feliĉe por ni, nia neniam sufiĉe amata Zamenhof havis la lingvon aranĝitan kaj parkere sciis ĝin, la bruligado ne malutilis la lingvon.

Vi esperantistinoj kaj esperantistoj karaj, ne kredu nek unu sekundon, kvankam mi citis vin kiel ĉion neantoj, ke mi kalkulas ĉiujn! ne, neniel; mi estus maljusta, miaj vortoj estas nur por tiuj, kiuj rutine ĉion

neas, kio ne plaĉas al ili; mi ankaŭ ne alkalkulas ĉiujn nesamideanojn, mi nur parolas pri tiuj, kiuj ne akceptas novan sistemon sen esploro unue, al tiuj, kiuj obstine ne volas ke afero progresu, ne meditante nek legante iom pri ĝi, nur rideti moke kaj malestime laŭ la humoro, kiun ili sentas.

Kiom da tempo ni gajnus, kiom da paroladoj ni ŝparus, kiom da horoj ni povus dediĉi al uzado de tiu afero nova aŭ de tiu ĉi malnova se vi la homoj estus pli bonaj!, kiom da klopodoj ni povus destini por humanaj agoj, kiom da utilaj minutoj ni povus uzi en la zorgado de gravaj celoj, se ni ne devus bataladi ĉiam pri aferoj raciaj! Sed ni la homoj estas tielaj kaj ne kiel devas esti.

Kiam ni pliboniĝos, kiam nin regos nur amo, kiam ni meditas atente la aferojn, kiujn unua foje ni aŭdas?

Ĉu neniam geamikoj...?

Mi ne kredas, ne supozas tion ĉi, mi sentus malamon al la homaro, sed tio ĉi ne povas esti por tiu, kiu, kiel mi, amas la homaron.

Mi estas konvinkita ke en la koro de la homoj estas boneco, en ĝi estas sento, kiu de la infaneco estus vekita, estus la plej bela konkordo en la mondo, kaj kiam iu loĝanto de nia planedo elpensus ion utilan aŭ malutilan gravan aŭ ne, ni studus ĝin kaj post atenta pripensado ni akceptus aŭ ne, kaj konvinkus la elpensinton pri lia eraro se la afero estus malutila aŭ ne interesa, kaj tiu homo anstataŭ vidi mokojn, vidus atenton kaj perfektigus la elpensaĵon aŭ forlasus ĝin.

Se la elpensaĵo estus grava kaj tian ni ĝin akceptus, tuj ni uzus ĝin kaj ne kiel nune okazas, ke ni pasas tagojn varbante adeptojn, organizi kongresojn, por propagandi novaĵon kaj diskutadi ĉiam kun niaj samtempuloj pri la bezono, la neceso starigi tuje tion aŭ tion ĉi.

Se ni post cent, mil klarigoj por konvinki iun ricevas aprobon, ĝi estas jena—jes, vi estas prava, kiam estos multepli da adeptoj mi promesas al vi ke mi ellernos ĉi tion, aŭ praktikos tion... kaj dume vi laboru, vi semu kaj poste kiam vi rikoltos vidos ke akiris cent partianojn kaj ke perdis kelkajn pli: unuj mortis, aliaj restas hejme lacaj bataladi.

Sed ni kuraĝe sekvos nian vojon malgraŭ ĉiuj kontraŭaĵoj, ni ne atentu la flegmon de la plejmulto, ni ne atentu la ridetojn de la mokemuloj! Ni iru ĉiam antaŭen! Mi kiel partiano de sistemo, kiun mi konsideras utila por la saneco, instigas al vi karegaj samcelanoj uzi ĉi tiun metodon racian kaj bonan.

Mi iam parolos al vi pri tiu ĉi sistemo pli detale.

Mi parolas pri vegetarismo kaj naturismo Ĉu vi ridetas...?

*Jozefo Roig Camps*

---

# ALVOKO

La sekretario de Zamenhofa Federacio, S-ro Julio Mangada, sin turnis al la Ministro de Publika Instruado kaj Belaj Artoj per instanco dokumentita konstatante gravecon kaj utilecon de Esperanto kaj petante malfermi eksperimentajn kursojn, same kiel oni faris en *Eccles* (Anglujo), ĉe la Centra Lernejo Normala; tial ĉiuj Grupoj, rondoj kaj rondetoj esperantistaj, eĉ izolitaj geesperantistoj, estas petataj sin turnu al la Ministro per instanco petanta la malfermon de tiuj eksperimentaj kursoj.

La Ministro kaj la Vicsekretario interesiĝis pri la afero kaj se ni atingus la malfermon certe ni sukcesus, kaj kiel sekvo enkondukon de Esperanto en la lernejoj.

Por konstati la gravecon kaj utilecon S-ro Mangada aldonis specimenojn el la broŝuro «Las Modernas Humanidades» kaj aliajn pruvilojn.

Tial ke ne estas loko por pli vastaj detaloj pri ĉi tiu afero, la venonta numero raportos pli vaste.

Gesamideanoj helpu la entreprenon de S-ro Mangada!



ENRIREJO DE LA SALONO DE «EMBAJADORES»

ALCAZAR.—SEVILLA



SALONO DE «EMBAJADORES»

ALCAZAR.—SEVILLA

# La mortigita birdo

Ankoraŭ ĝi sin movis... Ĝi estis falinta ĉe la marĝeno, kaj tie inter la herboj kaj kanoj ekmovadis siajn flugilojn kvazaŭ ĝi dezirus ankoraŭ flugi...

Malfeliĉuleto!... Ĝi ne povis... La pafo estis tro lerta... Ĝi havis vunditan flugilon.

Mi ĝin prenis kaj mi sentis, ke kompatema kortuŝo invadis mian koron por tiu ĉi besteto kiu antaŭ nelonge fendis la aeron kaj ĝojigis la kampojn per siaj dolĉaj triloj.

Mi intencis ĝin mortigi por ke ĝi ne estu suferonta plu... sed mi ne havis kuraĝon.

Ĉiu flugilbato de la malfeliĉa birdo estis kvazaŭ dorno pikus mian koron... Mi sentis, ke mia konscienco riproĉis mian intencon.

Mia penso flugis en ĝian neston, en kiu ĝiaj idoj atendis eble la nutraĵon portotan de ĝi, kaj kiuj ne povos konstraŭstari la malsaton... Malfeliĉuletoj! ilia patrino ne plu nutros ilin kiuj mortos pro malsato se antaŭe rampaĵo aŭ alia besto ne estus manĝinta ilin.

Subite la okuloj de la birdeto fariĝis verdkoloraj iom post iom, kaj konvulsiaj estis ĝiaj ektremoj pli kaj pli oftaj... Ĝi stertoris...

Poste malfermis la okulojn, ektremis forte kaj falis el miaj manoj...

Mi ekkaŭris celante ĝin repreni... Ĝi estis mortinta!...

Larmoj glitis sur miaj vangoj.

El Kataluna lingvo tradukis,
*Asunción Constanti*

Vendrell, 1918.

# La amanto de Anneto

Antaŭ temp' kara Anneto,
pri am' ni babilis kunaj,
kaj diras, dum tempoj nunaj,
iru for! marioneto.

★

La natur' dum veter' varma,
naskas en ĝardeno floron;
por eksciti mian koron,
korpigis fraŭlinon ĉarma.



Ĉiam mi ami vin penas,
Kaj vi tre malestimas min,
Vi, nekompatema fraŭlin',
por ĉagreni min, nur venas;



Tial ke mi kore volas,
vin neniel enuigi;
vi ĝojas, min suferigi,
kaj per mokoj min konsolas.



Mia pacienc' sufiĉa
restigos min jam trankvila
Por aliulo ĝentila
estu. Koro malfeliĉa!



Ke vi havu bonan sorton,
deziras junul' humila.
Vi povas resti trankvila,
kvankam kaŭzos mian morton

*Antonio Viñals*

# Kiel oni mezuras la distancojn en la universo

La rigardo je steloplena ĉielo proklamadis de tempo al tempo la gloron de Kreinto; sed en la du aŭ tri lastaj jarcentoj, la mirinda povo de teleskopo kaj de la geometrio helpis malfermi, tieldire, la fenestrojn de tiu ĉi mondo kontraŭ nova universo kaj aldoni al dudek antikvaj ĉieloj milon da novaj, pli malproksimaj, pli vastaj, kaj krei konataĵon pri tiuj nemezureblaj altaĵoj tiom mirindaj kiom veraj. Helpataj de teleskopo kaj de matematiko la astronomoj povis mezuri la altecon de ĉielo, la distancojn kaj dimensiojn, kaj eĉ la pezon de la grandegaj ĉielkorpoj, la pezon de luno, de suno, de la plej distancataj planedoj.



SUPRA PARTO DE LA SALONO DE «EMBAJADORES»

ALCAZAR.—SEVILLA

Mi volus komprenigi, kiel oni povas helpe de matematiko, mezuri la distancon de objektoj malproksimaj eĉ nealireblaj sen bezono alproksimiĝi.

Ĉiu konas la triangulon; do: en geometrio, se oni povas mezuri unu flankon kaj la du angulojn apudkuŝantajn de iu triangulo, la cetero estas jam facile trovebla.

Ekzemple, se iu dirus al mi: Sinjoro, ĉu vi povas kun helpo de la geometrio, ne forlasante la promenejon de Areneros, diri precize, je kia distanco de ni estas la pinto de Guadarrama? Mi respondus: —Jes, sinjoro, perfekte. Kaj vidu, kiamaniere: Mi prezentus al mi triangulon, kies vertico estus la pinto de Guadarrama kaj bazo la longo de la promenejo. Estas nur bezone, ke mi povu mezurfiksi en tiu ĉi triangulo la flankon kaj du angulojn, kaj tion fari mi povas tre facile. Mi komencus mezuri la linion inter la hospitalo de la Princino kaj la strato Princesa. Tiu flanko estas la bazo de la triangulo. Poste mi irus al la hospitalo kaj starigus tie la angulmezurilon. Ĝi konsistas el du kruciĝantaj teleskopoj, kies distanco angula povas esti tre precize mezurita. Kiam la du teleskopoj de la aparato estas direktitaj unu kontraŭ la pinto de Guadarrama kaj la alia kontraŭ la alia fino de la promenejo, mi legas la angulon sur periferio de la instrumento. Poste mi translokiĝas al la alia fino de la promenejo, kie mi ripetas similan operacion por konstati la duan angulon. En tiu momento mia tasko estas solvita, ĉar mi konas de la triangulo la tri bezonajn mezurojn kaj tuj mi povas diri al vi kiom da mejloj estas inter la hospitalo kaj la montaro.

Tiamaniere oni laboras por trovi la distancon de la luno. Du observantoj, starantaj en malsamaj punktoj sur la terglobo, mezuras la distancon, kiu ilin disigas; poste ĉiu el ili mezuras la angulon kiun formas la linio iranta de li al la luno kun tiu iranta al la alia observanto. Sekve ili trovas la du angulojn kaj la flankon de triangulo, laŭ kiu estas facila konstati, ke la distanco al la luno egalas tridek diametrojn de la terglobo, kiu mezuras 12.720 km.; t. e. 380.000 kilometrojn.

Sed kiel trovi tiun de la suno? La terglobo estas tro malgranda por servi kiel bazo de tiu ĉi mezurado! Kvankam ekzistas ankoraŭ aliaj metodoj, oni povas konstati la distancon de la suno laŭ la sekvanta, tre simpla metodo. Oni konsideras la triangulon formatan de la tero, la suno kaj la luno; en ĝi estas unu longo konata: la distanco inter la tero kaj la luno, 380.000 km. Estas vero, ke oni povus facile trovi la grandecon de unu angulo, kies vertico estas la tero. Sed mankas la alia angulo, kaj kiel konstati tiun? Ni ne povas transporti nian angulmezurilon sur la lunon por fari tie similan operacion. Sed alia rimedo servos al ni: oni entreprenas la tutan laboron dum tago kiam vidiĝas precize duonluno, ĉar tiam, kiel konate, la linio venanta de la suno al la luno formas ortan angulon kun tiu, kiu iras de la luno al la tero. Sekve ni konsideros triangulon, kies unu flanko estas konata, unu angulo mezurita kaj unu, laŭ dirita, cirkonstanco, orta (90°). Tiam ni kalkultrovos, ke la lininio inter la suno kaj la tero estas kvarcentfoje pli longa, ol tiu, kiu iras de la luno al la tero:

$$400 \times 380.000 \text{ km.} = 152.000.000 \text{ km.}$$

Konante tiun ĉi distancon, ni povas konstati per geometrio la grandecon de suno. Ĝi estas 1.300.000 foje pli granda ol la terglobo; por tion komprenigi pli facile, estu dirite, ke la suno etendiĝus —se oni metus ĝian centron en la centron de nia terglobo— de ni ĝis la luno kaj preskaŭ unufoje pli malproksimen, tio estas 300.000 km. post la luno troviĝus la surfaco de la suno. Ĝia diametro mezuras 55 diametrojn de la tero. Supozante ke la rapideco de kanonkuglo estas konstanta kaj ke ĝia vojo en unu tago estas dekfoje ĉirkaŭ la tero (400.000 km.), ni trovas, ke ĝi bezonus dek jarojn por atingi la sunon.

Bone. Tian vojaĝon ni faras kun nia terglobo ĉiujare kaj sesfoje pli rapide turniĝante ĉirkaŭ la suno, po 30 km. en sekundo;

kaj, portataj de la tero, ni eĉ ne rimarkas tion. Nia veturilo pezas, laŭ kalkuloj, tiom, kiom egale granda globo el marmoro. —Pli multe ol kvindek planedoj estas kalkulataj, turniĝantaj simile al nia terglobo, ĉirkaŭ la suno, kelkaj pli, aliaj malpli grandaj: Uranuso, ekzemple, 77 foje pli-granda, Saturno 887 foje, Jupitero 1470 foje. Kaj ĉi tiuj ĉielkorpoj havas anstataŭ unu luno kelke da ili kaj estas pli malproksimaj de la suno ol ni: Jupitero pli ol kvinfoje, Saturno pli ol naŭfoje, Uranuso pli ol 19-foje.

Sed kio estas ĉi tiuj kolosoj mirigantaj vian imagemon? Nenio en komparo kun fiksaj steloj, malkovritaj en la lastaj jaroj per teleskopo danke la modernan sciencon.

*Laŭ L. Gaussen*

(Trad. E. Kühnl.)

---

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn.***

*(Daŭrigo)*

Tagon, la Reĝo enuigata promenis sola tra la antaŭurbo, kaj mirigis Lin la beleco de junulino, kiu ĉirkaŭata de aliaj pli modeste vestitaj, sidis ĉe la sojlo de pordo kaj ŝpinis lanon kiel la ceteraj. La mirinda belulino, kiu tiel forte kortuŝis la Reĝon, estis Elisabeto, la sola filino de riĉa teksisto. Ŝi estis brunulino, kies haŭto estis blanka kaj delikata kvazaŭ veluro; grandaj nigraj okuloj, tiel nigraj kiel la profundaĵoj de abismo, kiuj, kiam rigardis, malkaŝis la purecon de anĝela animo; rozkoloraj vangoj; fajraj lipoj, kies rideto kapturnis rigardanton; nature frizita hararo nigra, kiel la ebono; facilmova kaj gracia talio, kiel branĉeto de saliko; delikataj piedoj kaj diinaj manoj: ŝi estis la *Bela Teksistino*, kiel nomis ŝin la atienzanoj, pro kiu multaj el ili sopiris avidaj je ŝia amo.

La Reĝo, konfuza, haltis rigardi tiel diinan belecon, kaj lia konduto altiris la atenton de iuj el la ŝpinantinoj, kiuj rimarkigis tion al sia mastrino, kiu rigardante la kuriozulon subite ruĝiĝis pro Lia obstina rigardo, kiu vundis ŝiajn okulojn kaj rapidigis la batojn de ŝia koro. Ŝi ne kuraĝis ree levi la okulojn, malgraŭ sia deziro tion fari, nur kiam la kavaliro returneniris, ŝi kuraĝis rigardi lin, rimarkante lian ĝentilan sintenadon.

La Reĝo forlasis la ĉason, kaj de tiu renkonto naskiĝis en Li pasio al kiu plene sin dediĉis, atinginte interesi la koron de la belulino, kiu vekiĝis je la unua amo. Vane ŝi celis juĝi tian amon neebla; ŝia koro kaj la dolĉaj paroloj de la amanto, kiu espergis ŝin venki la malfacilaĵojn pro la ranga diferenco, venkis tiun juĝon. La milvo baldaŭ la naivan kolombinon kaptos!

La Reĝo ebria je amo ne rimarkis la pasadon de la tempo, ke la sieĝo multe progresis kaj ke la nobelaro konspiris.

Malfacile povos defendi la kastelon la sieĝatoj. La garnizono estis tre laca; mankis provizaĵoj; multaj kavaliroj kaj soldatoj mortis; nur pro la kuraĝo kaj obstineco de la Grafo de Palazuelos, sufokante la dezirojn kapitulaci, kaj alkurante ĉiam la unua en la plej danĝera lokon.

Nokton, unu el la oficiroj, kiu atente viglis de la ĉefturego, rimarkis la helecon elirantan tra la fenestregoj de la kapelo, kaj li miris ĉar li sciis, ke neniu en ĝi estis, ke ĝi restis fermita. Altirata de sia vigleco, li malsupreniris, kaj alvenante al la pordo de la kapelo, li, tra kradeto, observis personon surgenue kontraŭ la grandaltaro kantantan preĝon per harmonia mezvoĉo. Surprizata, li kuris sciigi la novaĵon al la Grafo, kaj rapide tiu novaĵo flugis ĉien kvazaŭ miraklo; tial, rapidiris en la pordon konstati la miraklon scivolemuloj, sed ili nenion vidis. Kiam la Grafo alvenis al la kapelo nenio estis en ĝi. Oni inspektis la kapelon kaj nur oni povis konstati, ke ĵus oni estingis kandelojn.

La Grafo ne estus kredinta la okazintaĵon

se ne estus vidinta la jus estingitajn kandelojn. Ĉi tio pravigis la kredon pri la miraklo. De tiu momento oni viglis atente la kapelon.

Je la sekvanta tago tre frumatene, la gardstarantoj de la kastelo ekkriis alarman voĉon. Ĉiuj okupis siajn lokojn kontraŭstari atakon furiozan de la malamikoj, kiuj sukcesis ampleksigi breĉon ĉe la pordo de la kastelo. La sieĝantoj estus kaptintaj la eniron, se la sieĝatoj ne estus helpitaj de nekonata kavaliro, kun nigra kiraso, batalanta unuavice kvazaŭ diablo, kiu terurigis la atakantojn frakasante la atakon.

La Grafo, same kiel siaj kavaliroj kaj soldatoj, miris pro la stranga kaj neatendita helpanto. Tiu ordonis profiti la momentojn de la malantaŭeniro de la sieĝantoj por ripari la remparon fermante la breĉon, kaj sin turnante en la fantoman kavaliron, diris:

—Kiu vi estas kavaliro? kial kaj kiel ni trovas vin apud ni? Respondu bonvole kaj levu la vizieron de via kasko, kaj ni konos la heroon kies braveco savis nin.

—Pardonu, nobla Grafo. Akompanu min en la grandturegon, tie ni interparolos kaj tuj vi scios tion kion vi deziras. Dum, permesu, ke mi ne malkaŝu mian vizaĝon.

La Grafo kun kelkaj kavaliroj sekvis la nekonaton kaj kiam ĉiuj atingis la supron, la nekonato diris al la Grafo:

—Akompanu min sola en tiun angulon; mi esperas ke vi fidu je mi.

—Kavaliro! Vi ofendus min, se vi estus supozanta, ke mi timas perfidaĵon! Ni iru, kaj vi—sin turnante al la kavaliroj—atendu ĉi tie.

Oni rimarkis obstinan diskutadon de la Grafo kaj nekonato, interrompata de la reatako de la sieĝantoj, kiuj freneze sin ĵetis en la breĉon. La nekonato haltigis energie ĉe la brako la Grafon, kiu intencis kuri en la defendon, kaj tiu rapide kaj energie ekkriis: «Vi, kavaliroj! Iru en la breĉon kaj defendu ĝin ĝis la morto». La kavaliroj sugestiataj obeis, kaj tiam la nekonato, levante la vizieron de sia kasko, diris: —Ĉu vi konas min, mia Moŝto? Mi estas Jozefo, la maljuna paĝio de via patro, kiu instruis vin svingi ia armilojn kaj kiu, tagon, ankoraŭ vivanta via patro, malaperis ne lasinte postsignojn, kaj kiu hodiaŭ alvenas ĝustatempe savi vin...

—Lasu min, fidela Jozefo! Ni mortu apud niaj kuraĝuloj—interrompis la Grafo penante sin ellasi kaj kuri al la breĉo; sed la antikva paĝio, dum li restigis sian Moŝton, elprenis blankan tolaĵon, kiun li flagrigis momentojn kaj kiun poste li pendigis eksteren sur la muro, kaj trenante la Grafon diris:

—Baldaŭ! Rapide, mia Moŝto! Ni forkuru!

—Sed tra kie?

—Sekvu min! Ni ne perdu tempon!

*(Daŭrigota)*

---

LISTO DE MONDONACINTOJ POR STARIGI MONUMENTON AL NIA MAJSTRO

| | Pesetojn |
|---|---|
| Antaŭa sumo | 109,50 |
| Grupo Juneco.—Santander | 5,00 |
| S-ro Vicente Alonso.—Zamenhofano. Madrid | 2,50 |
| S-ro Manuel Benítez.—Zamenhofano. Madrid | 2,50 |
| S-ro Antonio González.—Zamenhofano. Cañete de las Torres | 2,50 |
| S-ro Juan Serrano Olmo.—Zamenhofano. Cañete de las Torres | 2,50 |
| Sumo | 124,50 |

*(Daŭrigota)*

*Rimarkigo.*—Minimuma kotizaĵo *unu spesmilo* (2,50 pesetojn).

---

AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvoj de la hieroglifo kaj spritludo juliaj: VIRTO, KOVERTO.

## HIEROGLIFO




## "ZAMENHOFA FEDERACIO,,

ŜAKĈEVALA SPRITLUDO




Kunign la ĉi suprajn grupojn da ĉeloj, tiamaniere, ke farante *regularan figuron*, kaj homencante de la ĉelo numero 1, *saltante ŝakĉevale*, ĝis la 18.ª, ni legu

**ZAMENHOFA FEDERACIO**

La solvoj en venonta numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj